salutas esperantan ĉeestantaron en pola lingvo, tradukita tuj por la esperantistoj. Poste parolas P-ro *Bujwid* en la nomo de la Pollanda Esperanto Delegitaro. Parolis ankoraŭ kelkaj parolantoj. Dum la parolado S-ro *Vojevodo* malkovris granitan memortabulon kun surskribo: En tiu ĉi domo naskiĝis *L. L. Zamenhof*, la aŭtoro de esperanto. Surskribo dulingva: pole kaj esperante. Post la parolado de la Vojevodo sekvis pola nacia kaj esperanta himnoj. Post la malkovro de la memortabulo ni ĉiuj kolektiĝis por bone meritita tagmanĝo. Restoracio en hotelo Ryc tre bone servita, ĉirkaŭita de verdaĵo, faras bonegan impreson. Manĝaĵoj bonaj, bongustaj, ne multekostaj. Bedaŭrinde ni ne povis resti en Białystok ĝis morgaŭ, ĉar ni devis viziti ankoraŭ Krakovon. Tial ni ne povis asisti ĉe tre interesa vizitado de la urbo kaj ĉirkaŭaĵoj, nek povis fari interesegan ekskurson al la fama Białowieża arbaro.

*P-ro Odo Bujwid.*

## NEKONGRESA POSTKONGRESO EN KRAKÓW.

Kraków kun siaj altvaloraj memoraĵoj, arĥitekturaj konstruaĵoj, antikva reĝa kastelo Wawel, Katedralo kun tomboj de la reĝoj estas ĉiam alloga urbo: estis ne multaj, kiuj post sufiĉe longedaŭra kongreso povis ankoraŭ havi kelkajn tagojn por viziti Krakovon. Tamen despli multe valoras tiela interesiĝo. Tiuj kongresanoj, kiuj alvenis, estis kiel eble plej inde akceptitaj kaj povis viziti ĉiujn vidindaĵojn sub sperta gvidado.

Laŭ komuniko en la N-o VII de Pola Esp-o post Warszawa postkongreso P. E. D. veturigis multajn eksterlandajn gastojn al la urbo de l´Oka. Ĝenerale dum unuaj tagoj de Aŭgusto vizitis Krakovon 48 personoj el 12 landoj kaj 2 kontinentoj. Plej granda parto de kongresanoj alvenis Krakovon dimanĉe la 7-an de Aŭgusto kaj restis ĝis mardo, kelkaj eĉ ĝis vendredo. Vizitintoj iradis kune gvidataj de krakovaj geesperantistoj: s-ino *Bronisława Rosenthal*, s-oj D-o *M. Blassberg*, *Juliusz Kriss* kaj *I. Wiesenberger*. Ĝenerala organizo kaj gvidado kuŝis en la manoj de s-o *M. Ziomek*. — Gastoj rigardis ĉiujn pli interesajn monumentojn kaj vidindaĵojn de Krakovo, faris ekskurson al termonumento de Kościuszko kaj al salminejoj en Wieliczka. Ĉiuj tag-kaj vesper-manĝoj estis komunaj. Ĝenerale dum la tuta restado en Kraków ĉiuj venintoj estis ĉiam kune. Tio bonege helpis al agrabla agordo kaj interkonatiĝo. Almenaŭ tie (kaj antaŭe en Warszawa) estis fondita »unu granda rondo familia« el ĉiuj nacianoj, kion la organizo de l'XIX tute malebligis. Daŭrus tro longe, se ni volus nomi kaj priskribi ĉiujn »nekongresajn aranĝojn«, paroladojn, ŝercojn ktp. Mi skizetos nur tri, hazarde elektitajn momentojn.

* * *

Belega suna posttagmezo. Sur negranda monteto ia moviĝema kaj interesa grupo ĉirkaŭas kun admiro ian ŝtonegon. Kiuj estas tiuj ĉi gastoj per stranga lingvo parolantaj, de kie kaj pro kio ili tien venis? Venis el la tuta mond' esperanta frataro por honori la plej grandan heroon de gastanta ĝin nacio—Tadeusz Kościuszko. Kaj post momento de silento—tiel inter esperantistoj malofta — dum kiu oni pensis pri tiu ĉi heroo kaj kom-

paris Lin kun propranaciaj Granduloj — komenciĝis babilado. Diversajn spritajn ŝercojn kaj anekdotojn rakontis ..— kiu? —.. memkopreneble inĝ. *Orengo* el Torino. Poste sekvis kantado de popolaj melodioj. Kantis ĥore italoj kaj ĉeĥoj, sole japano. Respondis al ili per polaj kantetoj polnacia esperantistaro helpata de okazaj ĉeestantoj. Kaj fine, kiam la suno malsupreniranta komencis per siaj radioj orumi simpatiajn gastojn kvazaŭ »bonan nokton« al ili dirante — eksonoregis impona »Agordu la brustojn«... Iris al la mondo forta voko de esperantistoj. Kaj post momento revenis el malproksimo similaj sonoj. Ĉu revo aŭ la eĥo postludas? Ne! Sed la Poloj malsupre starantaj ekkantis la »Ospały i gnuśny«. Pola kanto laŭ kies vortoj kaj melodio nia neforgesebla s-ano Grabowski verkis »Agordu«. Kaj tiamaniere kunverŝiĝis en unu, potenca, harmonia akordo la pola kanto kun ĉi tiu esperante kantata. Kaj kunigita dulingva voĉo konkorde fluis en la mondon. Cu simbolo ia? Mi ne scias... Sed ĝi estis la momento de l'profunda emocio kaj kelkaj personoj havis iel mire malsekajn okulojn...

* * *

Vespero. En subĉiela restoracio sur krakovaj plantacioj inter disĵetitaj tabletoj atentigas iu mire granda kaj longa tablo. Kaj sur ĝi flirtas stelaj, verdkoloraj standardetoj kaj ĉe ĝi iaj eksterordinaraj gastoj. Apud malgranda, oblikvokula, flavvizaĝa Japano sidas grandkorpa, blonda Svedo, apud moviĝema, vigla kaj ĉieestanta ĉeĥino trankvila, kvazaŭ ŝtonigita en sia inda seriozeco — anglo. Sed malgraŭ ĉiuj diferencoj en aspekto kaj kutimoj ĉiuj bone kaj gaje amuziĝas. Subite ekstaras iu strangulo kun longaj, karbonigraj haroj, havante ne grandan, ankaŭ nigregan barbon, kies du akraj pintoj ŝajnas esti pretaj disbati kaj trapiki ĉiujn kontraŭulojn. Antaŭenĵetinte siajn longajn manojn kaj supren sian kapon levinte li aspektas kiel Jovo tondranta. Li komencas paroli! Paroli per belaj, ekstreme dolĉaj vortoj pri Kraków, ĝies vidindaĵoj kaj vizitindaĵaj esperantistoj... Poste en mielvoĉa prelego li substrekas valoron de l'Esperanto. Nin alparolante li direktis sin al neesperantista ĉeestantaro. Kaj ekinteresigita publiko ĉirkaŭas nian aron kaj aŭskultas. Ĝi aŭskultas kaj miras pro belsono de l'lingvo, pro oportuneco de l'internacia interkompreniĝilo, pro facileco de l'pensesprimo. Kaj multaj miras: »kiel interesa lingvo. Mi, ne konante ĝin, multon, eĉ preskaŭ ĉion komprenas«. Poste jam dum la tuta vespero sur ĉies buŝoj estis Esperanto kiel sensacio de l'tago. Al inĝ. *Orengo* en la nomo de la krakova esperantistaro varme kaj kortuŝe respondis D-ro *M. Blasberg* esprimante ĝojon, ke ĉiuj estas kontentaj kaj petante ilin ofte kaj amike memori pri ni kaj, kiel eble plej ofte, nin vizitadi.

* * *

Ni multe ridis dum la krakovaj tagoj kaj ŝercis. Sed eble rekordo de tio okazis dum lasta komuna tagmanĝo, kiam ĉiuj bonhumoruloj rakontadis siajn impresojn el Danziga Kongreso kaj diversajn epizodojn el sia esperantista vivo. Freneza jam preskaŭ regis humoro dum anekdotado de s-o *Arabeno* el Genova. Ĉiuj ridegis ĝis larmoj. Agrablan amuzadon finis emocia kaj belega deklamo de s-o *Grenkamp* de la »Don Kiĥoto«.

* * *

Estis faritaj multegaj fotoj, tio estas memkomprenebla. Sed precipe agrabla, ĉar »nur« en 100.000 da ekzempleroj aperinta, estis fotografaĵo de nia grupo dum vizito de la plej granda en Polujo gazeteldonejo: Ilustr. Kurjer Codz. Sur ĝi ni vidas inter aliaj: s-ojn *Letchmere-Ortel*, sekr. de ISAE, el Hindujo, *Renkichi Kodera* p-ron el Tokio, D-on *Canuto*, Inĝ. *Orengo*, Pastron *Bruno* el Italujo, *Helsing* el Svedujo, *Balkanyi* el Hungarlando, ges-ojn *Setälä* el Helsinki, Pastron *Wachowski* el Germanujo, *Farnel* k. *Bratford* el Anglujo, P-ron *Pitter* el Prerov (C. S. R.), s-inojn *Baresowa* k. *Nyvltova* el Praha, *Lendel* el Potsdam kaj multajn, multajn aliajn, ĉiujn same simpatiajn, same ĉarmajn, same por ni ĉiam agrable rememorindajn. *Slavo.*

## VIZITO DE ESPERANTISTOJ EN WILNO.

Laŭ la invito de P. E. S. en Wilno la 15-an de Aŭgusto vizitis Wilnon konata finna esperantisto s-ro *Vilho Setälä* kun edzino.

Post vizitado de urbaj vidindaĵoj Wilna samideanaro invitis gastojn al la bela Bernardina ĝardeno por tagmanĝo. Post la tagmanĝo aŭtomobilo afable rezervita de s-ro *Vojevodo* venigis gastojn al pitoreskaj ĉirkaŭaĵoj de la Wilno. Vespere je la 8 en la ĉarma salono de Śniadeckich en vilna universitato s-ro *Setälä* prelegis pri la »Lando de mil lagoj« (Finlando) montrante kelkdek da belaj lumbildoj, kun pollingva traduko por neesperantistoj. Finante sian prelegon s-ro *Setälä* montris la monumenton en Helsinki »Śippereantoj«, kiu pritraktas la momenton de finlanda mallibero kaj diris, ke poloj bone povas kompreni ĝian ideon estante kune kun finnoj subjugataj. Post traduko de tiuj vortoj, tradukanko s-ro pro-ro *Sakowicz* proponis al la ĉeestantaro esprimi sian amikecon al la frata finna popolo kaj dankis al simpatia preleganto pro liaj amikaj sentoj. La ĉeestantaro varme esprimis sian amikecon per tondraj aplaŭdoj dankante al s-ro *Setälä* kaj al lia edzino, kies bela nacia vestaĵo estis tre bona propagandilo dum la vespero. *R. Sakowicz.*

## REMEMORO.

La 3-an de Aŭgusto dum la XIX kongreso de Esperanto en Danzig ni faris belan ekskurson al Hel sur la pola vaporŝipo „Gdańsk“.

Estis 9-a horo matene, kiam ni debordiĝis kaj ekveturis antaŭen.

Malrapide, malrapide malaperadis diversaj vaporŝipoj en Danziga havena golfo, kaj fine ni estis sur plena maro.

La vetero belega, la suno brilas, la maro trankvilas.

Ni ĉiuj staris sur ferdeko, rigardis la verdajn akvojn de Bałtyk kaj serĉis sur horizonto iun ajn vaporŝipon.

Kaj poste komuna fotografado — multe da rido kaj da ĝojo.

Belega estas la maro.

Mi apogis min je l' balustrado kaj rigardis la ondojn, grimpantajn unu super la alia, batalantajn kvazaŭ en antaŭmorta kunpremo, kaj falantajn malsupren post malfacila penego.

Kaj ĉirkaŭ ili blanka ŝaŭmo — nura restaĵo de venko kaj de malvenko samtempe.

Kien-ajn turni okulon, ĉie estas la samo — kiel en la vivo: batalo, batalo kaj batalo.

Oni alvokis nin por tagmanĝi.

Ni ariĝis en belega manĝoĉambro — ĉiuj en bonaj humoroj.

Poste nia Vilna samideano lerta pianisto prokuroro Sakowicz ekludis himnon kaj ni ĉiuj kantis „La Espero“.

Sur flugiloj de l' vento, sur verdaj ondoj de Bałtyk kuris nia kanto tra la mondo kaj diris al ĉiuj pri nia ideo kaj pri ĝia lulilo — pri Polujo.

Post ia tempo ni atingis Hel.

Ni forlasis la vaporŝipon kaj iris sabloplenan vojon tra vilaĝo ĝis la pinto de tiu-ĉi duoninsulo.

Tie-ĉi sur marbordo ni petolis kiel infanoj: ni vadis en maro, ni kolektis konketojn kaj kaptis diversajn marbestetojn. Kun admiro ni rigardis meduzon kaptitan de Slavo.

Ĉio havas sian finon kaj la ekskurso ankaŭ finiĝis. Ni revenis vaporŝipon por reveturi hejmen.

Kun granda plezuro mi rememoras agrablajn momentojn sur vaporŝipo „Gdańsk“ kaj sur duoninsulo Hel kaj mi dankas en la nomo de ĉiuj partoprenintoj al s-ro profesoro por la aranĝita bela ekskurso sur la Pola maro.

Septembro 1927. *Halina Weinsteinówna.*

## VERDA LIBERTEMPO.

Tutan jaron mi malsatis, multajn tagojn mi fastis por fine kolekti necesan sumon por partopreni la XIX-an. Venis jam la tago de forveturo! Kun valizeto en la mano mi troviĝis en la stacidomo. Ŝajnis al mi, ke mi jam ĉeestas la kongreson, ĉar la vagonaro enhavis kelkdekon da verdsteluloj, al kiuj dumvoje aliĝis aliaj.

Post tutnokta vojaĝo la vagonaro haltis en Gdańsk. Ŝarĝita kiel ĉevalo per fremdaj valizoj mi ekstaris sur neŭtrala grundo de libera urbo. Miajn unuajn paŝojn mi direktis al akceptejo, kiun mi devis serĉi (cetere multe da tempo oni plej parte foruzis por serĉado de diversaj ejoj), kaj en tiu ĉi rilato servis al mi, kiel gvidantoj fremdlandaj blindaj (!) samideanoj.

En la akceptejo mi trovis ĥaoson, ne nur de homoj sed ankaŭ de prizorgataj aferoj. Tri horojn atendi estis por kongresanoj, kiuj veturis almenaŭ tutan nokton, bagatelaĵo. Finfine mi estas en destinita por mi ĉambro kaj mi povas min lavi kaj iom ripozi.

Vespere interkonatiĝa vespero, dum kiu oni devis aŭskulti pli malpli bonajn spritaĵojn kaj amatoran deklamon en ĝardeno de la Pafista Domo, en kiu lokiĝis la akceptejo.

La 29-an antaŭtagmeze okazis malfermo de Somera Universitato, kiun sekvis serio da fakaj prelegoj kaj kiujn ĉeestis plej parte nefakuloj. Vespere venis ĉefaĵo de ĉiu kongreso — solena malfermo de la XIX. Universala Kongreso de Esperanto. Formis ĝin paroladoj kaj salutoj flanke de aŭtoritatoj, eminentuloj kaj reprezentantoj de diversaj landaj organizaĵoj. Pacienco estas nia plej grava eco kaj ni havis ĝin por aŭskulti kelkajn horojn kaj aplaŭdi lertajn kaj mallertajn, bonajn kaj malbonajn paroladojn. La malfermo evidentiĝis nur tion, ke nia movado prezentas jam forton, kiun

respektas jam regnoj kaj ŝtatoj. Kun plena kapo kaj malsata stomako ni iris je noktomezo dormi.

Sekvantan tagon oni pasigis la tempon per ĉeesto aŭ neĉeesto en diversaj fakkunsidoj, kies nura cito okupus tutan paĝon. Cetere fakaj kunsidoj okazis ĉiutage, ĉar oni ja devis doni al parolemuloj okazon satparoli. Ĉar vespere estis parto de la kongresanaro invitita al akcepto ĉe la Senato, do la alian parton oni pelis en salonon de Danziger-Hof, kiu povis enteni ducent personojn kaj kie kolektiĝis almenaŭ 500 personoj kaj tie premitaj kiel haringoj ĉiuj devis amuziĝi, ĉu dancante ĉu drinkante tre „salitan" vinon. Impreso, kiun ĉiu elportis de ĉi tiu impona „festvespero", ŝajnis tre simila... al skandalo.

Venis dimanĉo kun plej grava punkto de la programo — plantado de jubilea kverko en Zoppot sur ĵus nomita Esperanto-grundo. Ĉu tiu ĉi soleno havas ian realan valoron por nia movado, mi kaj ankaŭ multaj tre dubas. La situo de la Esperanto-placo kaj grundo en Zoppot estas tre maloportuna, ĉar ĝi troviĝas kelkajn kilometrojn fore de la urbo, en arbaro, kien gvidas sabla kaj peniga vojeto, malofte de la publiko vizitata. La Zoppota vivo koncentriĝas apud la maro, al maro direktiĝas paŝoj de ĉiuj alvenintoj, tie amasiĝas ĉiuj, kiuj volas profiti de sia libertempo kaj mono; la arbaron kun nia Esperanto-placo kaj jubilea kverko neniu vizitos, eble nur iu freneza esperantisto! La soleno mem prezentis nenion originalan, ĝi estis nur okazo por fotografistoj kaj denove parolemuloj. La teron por fortigo de la kverko oni alportis el diversaj partoj de l'mondo, sed plejparte el Zoppot (ĉar oni lastamomente prenis ĝin dumvoje al la solenloko).

Saman tagon vespere oni reveturis al Gdańsk por partopreni jubilean festvesperon, dum kiu oni sciiĝis, ke pasis 40 jaroj de ekzisto de Esperanto kaj krom tio oni havis okazon aŭskulti bonan kaj malpli bonan kanton, deklamon kaj muzikon.

Lundo, la 1. de aŭgusto estis labortago, ĉar post dimanĉo oni devas komenci la semajnon per laboro. Okazis do laborkunsido de triunuo (K. R., U. E. A. kaj I. C. K.) kaj poste multegaj fakkunsidoj. Ĉiuj do havis plenan programon por la tuta tago, ke ne estis eĉ tempo por vizitado de la urbo. Por tamen post mia reveno povi rakonti, ke mi estis en Gdańsk kaj vidis ĝin, mi, kiam ĉiuj honestaj iras dormi, iris en la urbon kaj rigardis mem tion, kion mi povis kiel vidindan rigardi.

Vere interesa estis internacia kostumbalo, okazinta la saman tagon vespere, ne pro tio, ke dancemuloj havis okazon por danci, sed oni povis vidi interesajn, internaciajn kostumojn. Specialan atenton turnis kostumo de japanino, kiu ricevis la unuan premion.

Antaŭlasta tago estis destinita por tiuj, kiuj ankoraŭ ne havis okazon paroli; ili povis tion fari dum lastaj prelegoj de Somera Universitato kaj laborkunsido de la kongreso. Sed ili devis rapidi, ĉar la vagonaro veturigis ilin posttagmeze al Zoppot, kie oni ne sciis, kion fari, ĉar okazis nenio speciala por la kongresanoj. Oni povis aŭskulti muzikon en la ĝardeno aŭ sidi ĉe la marbordo aŭ fine eĉ sin bani, se troviĝis tiaj kuraĝuloj, kiuj ne timis akvon. Tiamaniere oni povis pasigi la tempon, ĝis venis horo rapidi al arbara opero. Plej impresiga vidindaĵo de la tuta kongreso estis prezentado de „Götterdämmerung" (Krepusko de l'Dioj). Sed ĝi ne estis nia

arangŝo kaj ne en nia lingvo! Ĉu ne estis ebla traduko de tiu ĉi majstroverko de Wagner esperanten aŭ eventuala preparo de esperantaj programoj por la internacia publiko, kiu vizitis la prezentadon?! Se oni jam pagis tre altan prezon por la bileto, oni tre volonte pagus ankoraŭ iom por esperanta programo, por povi sciiĝi pri enhavo de la prezentado!

La lasta tago estis destinita por ŝipa ekskurso tra haveno kaj golfo de Gdańsk. La ekskurso, por plejmulto tre agrabla, por aliaj finiĝis per malagrabla vizito de iu diskreta loko, el kiu liberigis ilin la alveno al Zoppot. Kia estis celo de kelkfoja dum unu semajno venigo de ĉeestantoj al Zoppot? Mi havis impreson, ke celo estis ne nur viziti tiun ĉi belegan banurbon, sed ankaŭ doni okazon al tiea kazino profiti ĉe esperantistoj. Sed tiu ĉi intenco ne realiĝis, ĉar oni forgesis, ke ni estas plej parte malriĉuloj, kiuj volonte ĉion vizitas kaj rigardas, sed prefere senpage. La tago finiĝis per ankoraŭ unu balo, kiu okazis nun en salonoj de Zoppota kuracejo, sed ĝi tre malsimilis al internaciaj baloj. Plejmulto preferis reveni al Gdańsk kaj prepari sin por pilgrimo al Warszawa.

La 4-an de aŭgusto antaŭtagmeze kelkcent esperantistoj veturis per rapida vagonaro en tre bona humoro al Warszawa, kiu nin tre gastame kaj per bona organizo akceptis. *Alf.*

## PROPAGANDO.

La Redakcio ricevis propagandajn artikolojn el kelkaj partoj de Pollando. Laŭ nia eblo ni presigos diversajn voĉojn kaj petas ĉiujn bonvoli priskribi pli valorajn lokajn okazintaĵojn, por ke ni eksciu veran bildon de la esperanta movado en nia lando.

## ESPERANTO — PORNACIA.

Jes, ne estas eraro, internacia esperanto estas nacia afero. Kiel?—Jen mi montros al vi. Mi montros al vi karaj samideanoj, kiel vi de tiu vidpunkto povos propagi al viaj kunnacianoj. Unue vi metu al via kunnaciano la demandon: „Cu vi ŝatus, se pli altiĝus la inteligenteco de ĉiuj anoj de nia nacio?“ Post jeso de tiu demando vi montru, kiel tiu celo estas atingebla per esperanto, jene klarigante: En la mezlernejoj oni instruas mortajn kaj vivantajn lingvojn. La unuaj estas kutime la latina kaj la greka. La lastan oni en la praktika vivo nur tiom bezonas, kiom ekz. la sanskritan. El la latina lingvo la medicinistoj, juristoj ktp. laŭ ilia propra konfeso bezonas nur malmulton, ĉar nun neniu estas devigata studi latinajn verkojn en originalo. Pro tio dujara studado de la latina sufiĉus por la praktiko.—Tamen oni instruas latinan dum 4-8 jaroj kaj grekan ankaŭ dum longa tempo. — Kial? Oni celas precipe per tiu studado la *klerigan efikon* de tiu instruado.—Simila estas la afero rilate la studadon de vivantaj fremdlingvoj. Dum multaj jaroj oni lernigas al mezlernejanoj tiujn lingvojn, kvankam oni scias el praktiko, ke ili ne povos uzi tiujn lingvojn en iliaj estontaj profesioj, ĉar ili lernis kaj scipovas ilin nur tro malbone. Tio estas konata afero. Tamen kaj ĉiam tamen oni instruas devige fremdajn nacilingvojn. Kial? Ĉar oni celas unuavice la *spiritakrigan efikon* de tiu studado. — Jes, estas sendube, la lingvostudado kulturas la menson, plialtigas la inteligentecon. — Sed on scias, kiom da neregulaĵoj, mallogikaĵoj enhavas

la nacilingvoj. Tiuj malbonaj ecoj ne alcelas la logikan pensmanieron de la lernantoj, kio tre necesas, eĉ malhelpas ĝin. — Se la studado de tiuj ne tro logikaj nacilingvoj tamen tiel utilas, ke ni nur pro ĝia teoria celo dediĉas al ili tiom da instrutempo, kiom multe pli efike devas utili la instruado de la logika kaj regula esperanto: Per ĝi oni povas atingi multe pli facile kaj rapide ĉiujn per la lingvostudado celitajn efektojn kaj utilojn por la menso. — Kiel por la korpo necesas la gimnastikado kaj sportado, tiel ankaŭ por la menso similaĵo estas necesa kaj nur logika esperanto povas esti tia kaj vere ideala gimnastikilo kaj samtempe la plej oportuna kvazaŭ popola peradlingvo por la tuta mondo!

Pro la malfacileco de la fremdaj nacilingvoj oni per lernejo povis peri ĝis nun la utilecon de la lingvoinstruado al nur malmultaj homoj, nur al mezlernejanoj. Laŭ statistiko el 250 popollernejanoj nur unu atingas la lastan klason de mezlernejo kaj pli inteligentiĝas per lingvostudado. Tio estas tro malmulte. Ĉiu nacio bezonas pli da inteligentuloj. Oni ne kulturu spiritan proletariaron, igante tro multajn homojn viziti la mezlernejon, sed inteligentigu saĝe la tutan popolon. Pro tio ĉiu postulu la devigan esp.-instruadon en ĉiuj lernejoj. — Ne estos necese plimultigi pro tio la nombron de instruhoroj, ĉar oni en Anglujo spertis pereksperimente, ke popollernejanoj, kiuj lernis dum unu horo semajne esperanton anstataŭ angla lingvo, jam post kelkaj monatoj prosperis pli bone en la angla lingvoinstruado ol la aliaj lernantoj. — Kompreneble! Per esp., kiu havas tre simplan gramatikon (kvazaŭ dometo kunmetita el nur 16 traboj), ĉiu lernanto facile ekkonas la esencajn necesaĵojn de lingvo, ekkonas bone la signifon de ĉiu lingvoparto kaj ties uzado kaj akrigas tiel ankaŭ la okulon por ekkono de la esencaj ecoj de la propra lingvo, kaj lernas koni ĝin pli bone! Memoru: la plej valora kapitalo de ĉiu nacio estas ĝia popolo. La valoro de tiu kapitalo dependas de la inteligenteco, kapableco de tiu popolo. Ĉiu homo devas peni plialtigi la inteligentecon de sia nacio. Per esp. tio estas facile ebla. Pro tio ĉiu devas postuli la devigan esp.-instruadon en ĉiuj lernejoj, por ke iĝu pli inteligentaj ĉiuj anoj de lia nacio, ne nur unu inter 250, ĉar el tiu malgranda aro ne povas ekesti sufiĉe da eminentuloj, kapabluloj, popolgvidantoj kaj geniuloj: ne tiom, kiom bezonas le nacio. Ju pli da inteligentuloj ĝi posedos, despli da kapabluloj ĝi produktos. Ĉu iu malemos kunlabori en tiu direkto, al tia bonega grava celo? Esperantistoj, organizu viajn kunnacianojn al tiu afero. Unue oftege diskonigu pergazete al la popolo, kian utilon ĝi povos gajni por si per esperanto, paroladu pri tio, ĉiamaniere ĝin propagandu kaj kolektu subskribojn por peticio sendota al instruministro. Ni bezonas centmilojn da subskriboj. La ministerio nin favoros kaj volonte akceptos nian peticion. Tiel ni atingos nian celon! Mi jam komencis tiel propagandi kaj trovis ĉie plenan konsenton de la popolo. Neniu rajte devas resti indiferenta en tiu afero; se li tion faras, li malutilas al sia propra nacio. Niaj naciaj organizaĵoj organizu tiun aferon. Ni montru al la eksterlando la vojon celitan. Oni kunlaboros kaj per kuna laboro ni atingos la celon en gloro.

*Krysta.*

## LA VERDA STELO SUPER OKCIDENT-POLUJO.

Surlime inter la vojevodejoj Poznań kaj Pomorze kuŝas Bydgoszcz la aktiva centro de la esperantista movado de Okcident-Polujo. Inter la kvardek lokoj de pola Esperantujo, reprezentantaj la mondlingvan movadon, jam longjare estas Bydgoszcz. Inter la (1300) mil tricent punktoj sur nia terglobo ligitaj per la delegitaro de nia modela Esperantuja registaro- Universala Esperanta Asocio- la urbo troviĝas depost jardekoj. La sufokaj lastaj tri ĝis kvar jaroj minacis forte la lokan movadon. Longtempe nia lumanta stelo ĉi tie preskaŭ tute ŝajnis estingiĝi. Nur kelkaj ankoraŭ ardantaj meteoroj flame anoncis enurbe kaj enprovince ĝian ekziston.

Vulkana erupcio printempa de tiu ĉi jaro (14 III. 1927) de nove ekradiigis la lokan stelon amatan. Malforta ankoraŭ estas ĝia brilo. La indiferenteco de kelkiuj, kaŭzita parte per finance-ekonomiaj zorgoj, malebligas la pli fortan ekbrilon.

La societa estraro despli energie laboras, etendante samtempe sian agadkampon elurbe al la ĉirkaŭantan pli vastan regionon. Dum Supra Silezio pli kaj pli bone organiziĝas, regas plena rigideco en la provinco Poznań kaj plej parte ankaŭ en Pomorze. Tiukaŭze ni kontaktas nun kun izoluloj de nomitaj provincoj, enkuraĝigante ilin por siaurba propagando sciigante interkonatigi adresojn de samurbaj esperantistoj por eventuala grupo-fondo kaj membrigante unuopulojn provizore al nia societo. La ligilo intermembra en tiu ĉi laboro estas la neabonebla, senpage sendata al societaj membroj „Monata Bulteno“. Tiamaniere ni volas malpliigi la bedaŭrindan ĥaoson kaj malorganizon en pola Esperantujo. Tiucele ankaŭ okcidentpolujaj esperantistoj Prof. Nowakowski el Poznań, Dr. Dziedzic el Toruń, Prengel kaj Ebert el Bydgoszcz kunvokis dum XIX-a Universala Mondkongreso en Danzig specialan kunsidon de okcidentpolujanoj kaj elektis laŭpropone konforman laborkomitaton. La varma iniciato de nia entuziasma samideano, universitata profesoro Nowakowski espereble efikos, ke la preskaŭ ĝisfunde morta movado en la urbo Poznań reviviĝos, ke antaŭ ĉio la loka societo ekfunkcios normale. Tuta vico da neorganizitaj izoluloj tie troviĝas, perdiĝante ĝis nun por nia movado.

Ankaŭ Toruń devas havi sian societon! Tiea samideano Dr. Dziedzic intencas firme kontakti kun la, de ni proponita, energiplena organizemulo kapitano Góralczyk ĉe VIII D. O. K. Toruń. Do ni esperebIe baldaŭ aŭdos, ke ankaŭ la vojevoda urbo de Pomorze troviĝas en la vico de la urboj kun funkcianta societo.

Grudziądz, Inowrocław, Tczew, Chojnice, Gniew kaj aliaj, jen agadkampoj, kie esperantistaj izoluloj atendas energian impulson de spertaj organizantoj. — La societa retaro en la Lulilo Mondlingva nepre devas pligrandiĝi. Ni fine prezentu al la mondo, kion ni ŝuldas al ĝi: plej bone organizitan fortan kaj imponan movadon esperantistan! Al laboro revekiĝanta Pola Okcidento iniciate vokas ĝin. Ĉu resonos en jesa eĥo tuta Polujo?

*Fr. A. Prengel*, Bydgoszcz.

Ni varmege subtenas la supre skribitan alvokon. Estas vere, ke Poznań kaj okcidenta parto de Polujo tro silentas. Ankaŭ nia redakcio sentas, kiel malviglą estas la movado; ĉar el okcidento ni havas proporcie mal-

multajn abonantojn. Unu ligilo-gazeto, en kiu oni povas esprimi siajn pensojn kaj penadojn, estas do tute nepre bezona.

La alvoko de s-ano *Prengel* estu bona komenco de la agado inda de okcidenta kulturo, de kiu ni multe atendas. Ni ankaŭ varme rekomendas aliĝi al P. E. D. kaj ĉeesti la estontan kunvenon en Warszawa. *Red.*

## EKONOMIA FAKO.

FR. DĄBROWSKI.

### LA KOOPERATIVA MOVADO DE KONSUMANTOJ EN POLUJO.

Jam en la jaro 1715 fondis en la hodiaŭa tekstilindustria urbo Pabjanice apud Łódź la pastro Jordan siaspecan vilaĝanaran asekurisocieton, kaj la en Polujo fama politikisto kaj verkisto Stanisław Staszic (legu Staŝic) povas esti konsiderata kiel la patro de pola kooperativismo, ĉar li en siaj bienoj en Hrubieszów fondis en la jaro 1822 ampleksan vilaĝankomunumon, tre similan al la komunumoj de Robert Owen en Anglujo.

Dum la pli ol 100-jara politika mallibero de Polujo ĉiu normala ekonomia disvolviĝo de nacio estis haltigata, pro kio ankaŭ la kooperativa movado nur tre malrapide progresis. En la jaro 1900 ni havis ekz. en tuta Polujo nur ĉirkaŭ 100 konsumkooperativojn. Post la unua rusa revolucio en la jaro 1905 la movado iom pliviglíĝis. Dum la militjaroj kreskas rapide la konsum- kaj malaperadas la kreditkooperativoj. Normala evoluo de la movado komencas nur en la postmilita periodo en la jam sendependa ŝtato. La stato de ĉi-movado prezentiĝas en la komenco de l'jaro 1927 jene: en la diversaj Centraj Asocioj de l'lando estis organizitaj:

1100 konsumkooperativoj kun 725000, 3300 kreditkooperativoj kun 700000—, 1500 agrikulturaj kooperativoj kun 275000 — kaj 200 alispecaj kooperativoj kun 30000 da membroj. Krom tio ekzistas en la lando ĉirkaŭ 2000 da diversaj malgrandaj, diversspecaj, sed pro sia neorganizemeco sensignifaj kooperativoj, ne apartenantaj al iu-ajn de centraj organizoj.

En ĉiu el la antaŭmilitaj tri partoj de Polujo funkciis centraj organizoj de la konsum —, kredit —, agrikulturaj — k. a. 22 Centrajn Revisi - kaj Propagand-Asociojn, inter kiuj 13 pol - kaj 9 alilingvaj. Al la plej ĉefaj apartenas:

1) Centra Asocio de Konsumkooperativoj de Polujo nomata populare „Społem" („Komune") en Warszawa kun pli ol 800 societoj de konsumantoj kun 436000 da membroj.

2) Unuiĝo de Agrikulturaj Kooperativ—Asocioj en Polujo en Warszawa, estas uniĝo de 14 Asocioj, tendencaj al postea kunfandiĝo. Al ĝi apartenas ĉirkaŭ 2000 da diversaj vilaĝanaj kredit—k. a. societoj.

3) Unio de Kooperativaj Asocioj (Unja Związków Spółdzielczych) en Poznań, ankaŭ duagrada grupiĝo de kunfandiĝontaj 10 Asocioj, al kiuj apartenas plejparte kredit-kooperativoj de Schultze-Delitzsch'a sistemo. Kelkdeko da konsumkooperativoj de Poznania Vojevodio apartenas ankaŭ al ĝi.

4) Revisi—Asocio de Militistaj Kooperativoj en Warszawa, kun ĉirkaŭ 240 societoj, plejparte konsumkooperativaj.

5) 9 Revisi — Asocioj de la nacia malplimulto (Ukrainoj, Judoj, Blankrusoj, Germanoj), kun 2350 da diversspecaj kooperativoj (330000 membroj).

(daŭrigota).

## KOMUNIKOJ DE P. E. D.

II. Konferenco de P. E. D., kiu estis prokrastita pro antaŭkongresaj aranĝoj, okazos la 29—30 X. 1927 en Warszawa. En la tagordo troviĝas: raportoj, novelektoj, proponoj ktp. Ĉiuj proponoj, ligitaj kun la Konferenco, devas esti skribe komunikataj al la Ekzekutiva Komitato de P. E. D. Tial ni petas ĉiujn, kiuj deziras meti siajn proponojn al diskuto de la Konferenco, sendi ilin al ĝen. sekretario J. Alfus, (Kraków XXII, Al. Dembowskiego 10) plej malfrue ĝis 10. X. k. j.. Proponoj, ricevitaj post tiu ĉi dato ne troviĝos en la tagordo.

Laŭ § 19 de la regularo la Konferencon devas la delegitoj partopreni persone, sed ili povas anstataŭigi sin per alia delegito, kiu ne rajtas reprezenti pli ol du forestantajn delegitojn. Ĉiu anstataŭo devas esti skribe atestita. La nomojn de la delegitoj kaj la ciferon de reprezentitaj grupaj membroj bonvolu komuniki al sekretario de P. E. D. La Konferencon rajtas partopreni ankaŭ nedelegitoj kiel gastoj.

Kotizo por ĉiu partoprenanto estas Zł 2.—.

P. E. D. zorgos pri fervoja rabato kaj malkaraj loĝejoj.

Aliĝojn direktu provizore al la sekretario.

Aliĝo al P. E. D. Ni atentigas ĉiujn grupojn, kiuj ĝis nun ne aliĝis al P. E. D., ke ilia delegito ne rajtos voĉdoni dum kunsidoj de la Konferenco. Tial, por eviti tiun ĉi malagrablaĵon, ni petas: ne prokrastu Vian aliĝon al P. E. D.!

Kotizo. Multaj grupoj ne repagis ĝis nun sian kotizon. Ni petas tiujn grupojn sendi la kotizon al la sekretario.

Kiel ni aŭdis, kelkaj grupoj anstataŭ senpere pagi la kotizon al P. E. D., enpagas ĝin al distriktestraro. Ni atentigas ĉiujn grupojn, ke ili devas pagi la kotizon *senpere* kaj ni petas la distriktestrarojn sendi senprokraste pagitan de la grupoj kotizon al la sekretario de P. E. D.

Grupoj, pagantaj sian kotizon, devas ĉiam apudmeti liston montrantan ciferon de iliaj membroj ĉiumonate. La ciferoj estas necesaj por oficiala statistiko kaj por pago de la kotizo al K. R.

Gvidlibro. Ekzekutiva Komitato de P. E. D. eldonis lastatempe „Ilustritan gvidlibron tra Pollando", kiu ampleksas 128 paĝojn kun 50 ilustraĵoj. La gvidlibro estas tre lukse eldonita kaj kostas nur Zł. 1·50. Ĉiu pola esperantisto devas ĝin posedi! Al grupoj, aĉetantaj pligrandan nombron, ni donas specialan rabaton.

Prezidanto: Prof. Dro *O. Bujwid.* Ĝen. sekretario: *J. Alfus.*

## EL LA ESPERANTA GAZETARO.

*La Suno Hispana* en N-o. 123 tute prave rimarkas, ke nia plej granda propaganda celo estas la deviga instruado de esperanto en la lernejoj. Tion ni povas atingi nur per multaj tiurilataj informantaj artikoloj en naciaj gazetoj, per multaj paroladoj. Ĉiu esperantista organizaĵo elektu el siaj anoj unu aŭ du fidindajn, laboremajn personojn, kiuj kvazaŭ permanentaj propagandistoj, ĉie kaj ĉiam agu, por tiu nia gravega celo. Oni skribu en la naciaj gazetoj similan artikolon: Se oni scipovas manipuli per kelkaj lingvaj ŝablonoj, oni posedas komplete nenian lingvon. Oni po-

sedas kutime nur tute limigitan frazaron. Lernigante en mezlernejoj fremdlingvon devige, oni kutime nur turmentas la lernantojn sen iu ajn rimarkinda rezulto. Ofte post kelkaj jaroj de lernado la lernanto tute ne kapablas sufiĉe kompreneble esprimi sian penson fremdlingve. Depost jardekoj oni ripetadas, ke lernantoj estas tro ŝarĝitaj per lernmaterialo, ke ili korpe kaj spirite kadukiĝas sub la pezo de lernpostuloj kaj ke urĝe necesas radikala reformo de mezlerneja instruplano. Sed ĝis nun nenio okazis por forigi tiun mizeron. Ĉiu scias, ke same, kiel por muziko, ankaŭ por studado de fremdaj lingvoj estas necesa speciala talento. Sen tiu talento la lernanto ĉiam restas mallertulo. Spite al tiu tre klara sperto la instruplano tamen postulas, ke ĉiu mezlernejano lernu minimume du fremdajn lingvojn. Ĉu tiuj lingvoj havas tioman edukan valoron, kiel ekzemple matematiko aŭ natursciencoj? Ĉu ili por ĉiuj lernintoj en la venonta vivo estos egale necesaj? Ĉu almenaŭ 10% de lernantoj dum 7—8 jara penado lernas tiujn lingvojn tiom, ke ili povos bone interrilati buŝe kaj skribe kun la koncernaj alinacianoj? Ne, ne, ne, la eduka valoro de la lingva studado estas tre malgranda, ĝi konsistas precipe nur el ekzercado de la memoro, el parkerado de lingvoŝablonoj kaj neregulaĵoj. La angla verkisto Jack London diras en sia fama romano (Martin Eden cap. 13): estas egale, kion vi studas. Vi povas studi la francan, la germanan, au ĵeti ĉion ĉi kaj profundiĝi en esperanton. Vi atingos la saman kulturnivelon. Same vi povas okupiĝi pri la greka aŭ la latina, sed la lastaj neniam utilos al vi por io ajn. Simile juĝis *Darvin*, *Davy*, *Faraday*, *Mayer*, *Liebig*, *Helmholtz*, *Wilh. Ostwald* kaj aliaj.

La devo de la lernejo estas eduki la homon tiel, ke li sciu plenlogike kaj memstare agadi. La nuna lingvoinstruisto efikas la kontraŭon. Ĉar malantaŭ ĉiu lingva regulo staras la neregulaĵoj kaj esceptoj; pro tio la lernanto akiras la konvinkon, ke en niaj praktikaj aferoj logiko kaj reguleco ne estas necesaj, eĉ estas neeblaj. Li akiras nun tiel *danĝeran malestimon kontraŭ ĉiu leĝo.*

Kiom la plejmulto da mezlernejanoj lernas diversajn nacilingvojn, kiujn oni instruas, pri tio ĉio oni povas konvinkiĝi, se oni havas okazon aŭdi, kiel abiturientoj balbutas kun la koncernaj nacianoj. Tamen proksimume 10 instruhoroj semajne estas dediĉataj al la por ĉiu deviga lingvoinstruado. Tio sumigas dum 7 ĝis 8 jaroj dum la prepara hejma laborado proksimume 6000—7000 horojn. Tiuj, terure multaj, horoj estas por la plejmulto de la mezlernejanoj tute malŝparitaj, perdita tempo, kvankam ili ofte, ho, tre ofte, kaŭzis multegan penadon kaj nervostreĉan laboron. Pro tio oni rajtas postuli reformon de la mezlerneja plano. Estas kompreneble, ke oni ne povos fari ĝin tiel, kiel oni ŝanĝas ĉemizon. La mezlerneja instruplano lernigas la fremdajn lingvojn, kutime du, sed kial nur du? Ĉie oni devas interrilati kun kvar, ofte kun pli da nacioj. Sed kiu povos lerni tiom da lingvoj? Neniu embaraso, ĉiu nur lernu facilan internacian lingvon Esperanto kaj oni interrilatos kun ĉiuj nacioj de la mondo, ĉar ĉie en eksterlando oni jam ekkomprenis la grandan utilon de internacia lingvo kaj komencis lerni kaj lernigi esperanton. Kiuj nacioj plej frue progresos en tiu afero, tiuj havos la plejan utilon per tio en la internacia trafiko. Oni do ne prokrastu, sed lernu tiun facilan, logikan lingvon, kiun oni povas tute facile eklerni, eĉ sen lingva talento. La lingvoinstruistoj saĝe ekkomprenu tiun avantaĝon, lernu esperanton kaj post unu jaro ili jam povos instrui. Oni memoru, ke

per fremdlingvoj ankoraŭ neniu inventis ion gravan por la homaro. En tiuj aferoj speciale la gepatraro, sed ankaŭ ĉiuj inteligentaj homoj devas helpi, ĉar ili progresigos per tio la propran infanaron. Ĉiu helpu, por ke niaj posteuloj ne diru, ke ni en XX. jarcento estis same malsaĝaj, kiel la homoj antaŭ cent jaroj, kiuj kontraubatalis la fervojon. Ni protektu precipe la interlernejan korespondadon, kiun celis la Paska Konferenco en Praha.

Nur post la tralego de la artikolo ni rimarkis, ke ĝin faris nia plej estimata Samideano Lud. Krysta el Cieszyn.

En la sama N-o *Hispana Suno* publikigas sciigon pri okazonta en Sevilla en 1928 aŭtune VII. Hispana Kongreso de Esperanto, koincide kun la granda Hispana-Amerika Ekspozicio. Samtempe en la belege eldonita N-o estas fotograĵo de la Sevilla, kongresa urbo.

Ni povas nur bedaŭri, ke la belega Hispana lando estas tiel malproksima kaj ke plejmultaj el ni ne povos ĝin viziti dum baldaŭa Kongreso internacia en Madrid.

*La fervojoj en Aŭstralio.* Kiam en 1917 la Trans-Aŭstralia fervojo inter Port Aŭgusta en Suda Aŭstralio kaj Kalgoorlie en Okcidenta Aŭstralio pretiĝis por uzado, tiam kunligiĝis la fervojoj de la Orientaj Ŝtatoj kun tiuj de la Okcidenta Ŝtato. La interŝtataj fervojoj, kiuj ebligas surteran iradon inter la kvin ĉefurboj: Brisbane, Sydney, Melbourne, Adelaide kaj Perth, okupas entute distancon de 3,474 mejloj. La tempo por veturo de Brisbane al Perth estas ses tagoj. La plej longa veturo fervoja, kiun oni povas fari en Aŭstralio de Dajarro en Queensland al Meekatharra en Okcidenta Aŭstralio estas 5,499 mejloj (La Fervojisto).

*Radio ĉe Canadian National Railways.* Inter multaj radio-sendstacioj de Nordameriko okupas specialan lokon la stacioj C. N. R, (Kanadaj). La sendstacioj C. N. R. etendiĝas de la Atlanta Oceano laŭlarĝe tra la kontinento ĝis la Silenta Oceano kaj ĉiuj sendstacioj funkciigitaj de la fervojo, havas la signalon C. N. R. kun aldonita komenca litero de sia loko, krom la lasta Mongton ĉe New Brunswick, kiu havas voksignalon CNRA. Estas menciinde, ke ĉe CNR jam en la jaro 1902 estis akceptataj senfadenaj signaloj en la trajnoj (Fervojisto).

*Brazilaj fervojlinioj.* La sumo de la nunaj linioj estas: 30.635 km; al la estraro apartenas 23.267 km, al diversaj ŝtatoj 7.368 km. (Fervojisto).

*XII. Esperanta Itala Kongreso en Napoli* 3—8 septembro sub la gvidado de: S-ro P-ro *Nikola Magliulo*, Delegito por la organizo: S-ro Admiralo *Eugenio Trifani*, Prezidanto, P-ro *Alfonso Chierchia*, vicprezidanto, D-ro *Tammaro*, D-ro *Tito Mirenghi*, Sekretarioj, P-ro *Salvatoro Montuori*, D-ro *Luighi Miraglia*, *Kolonelo Porcelli*, *Fortunato Cappabianca*, P-ro *Francisko Cavallaro - Saitta* (L 'araldo Esperantista).

* * *

Kazys Vidikaŭskas, Litovano, sendis al la Redakcio de Philadelphia (Usono) varmegan memorskribon pri antaŭ nelonge mortinta D-ro *Johano Basanowicz*, kiu 16/II. 1927 mortis en Wilno. Ĉiuj Litovanoj treege amas kaj ŝatas tiun veran Reviviginton de Litovujo. Oni ja scias, ke post lia morto Wilnanoj: Poloj kaj Litovanoj honoris profundkore lian memoron, enterigante lin kun reĝaj honoroj.

## POLLANDA KRONIKO.

Dum la Danziga Kongreso S-ro Univ. Prof. Nowakowski el Poznań iniciatis kunvenon de pollandaj kongresanoj el Okcidenta Polujo; oni priparolis vigligon de la esp. movado.

BORYSŁAW. Post la XIX. multaj eksterlandaj gesamideanoj vizitis diversajn urbojn de Polujo. Areto da ili konsistanta el 11 personoj sub gvido de Pastro Wachowski vizitis ankaŭ nian urbon. Ili estis akceptataj kaj helpataj de urbaj-autoritatoj. Gastoj vidis diversajn minejojn, fabrikojn kaj ankaŭ la plej proksiman banlokon Truskawiec, kien ili veturis per senpage al ili disponigitaj aŭtomobiloj.

KALISZ. La ĉi-tiea esperantema semajna proleta gazeto „Prawda" (La Vero) enkondukis nune konstantan esperantan fakon, en kiu ĝi pritraktos pli gravajn sukcesojn en la esperanta movado ktp. En tiu ĉi gazeto ni trovas ankaŭ komunikon pri kursoj okazontaj en Kalisz en la plej proksima tempo.

KATOWICE. La 4/IX. okazis sur la monto „Stożek" en ĉirkaŭaĵo de Katowice dua silezia distrikta konferenco de P. E. D. Pli detalajn informojn ni donos en plej proksima numero de PE.

OSTROŁĘKA. La 24/VII. komenciĝis kurso kun 10 partoprenantoj. Gvidas ĝin ĉi-tiea UEA-delegito S-ro M. Jagoda.

WARSZAWA. La 28/VIII. okazis en Warszawa tutlaborista akademio pri „Esperanto kaj lernejoj". Reprezentitaj estis politikaj asocioj, profesiaj unuiĝoj kaj multaj organizaĵoj sociaj kaj klerigaj.

Dank' al klopodoj de s-o apotekisto Zambrzycki fakaj varsoviaj gazetoj „Wiadomości Farmaceutyczne" (Farmaciistaj Sciigoj) kaj „Kronika Farmaceutyczna" (Farmaciista Kroniko) presigas en ĉiu numero esperantajn artikolojn.

ZAKOPANE. Kelkaj eksterlandaj esperantistoj post Gdańsk venis ankaŭ al „somera ĉefurbo" de Polujo por ripozi post urbaj bruoj kaj tumulto en mirega beleco de l' montoj. Estis: ges-oj Setälä el Finlando, Balkanyi k. Tolnai el Hungarujo, D-o Canuto k. D-o Roccavilla el Italujo, Helsing el Svedlando kaj s-ino Ledel el Germanujo. Tra la urbo kaj ĉirkaŭaĵo gvidis ilin s-ino Mikoszewska kaj s-oj Kaciczak (loka UEA-delegito) k. Ziomek.

## KRONIKA ZAGRANICZNA.

Z MIĘDZYNARODOWYCH KONGRESÓW. Okres letnich urlopów i wakacyj jest zawsze wyzyskiwany na liczne międzynarodowe kongresy. Z pośród tegorocznych większem zrozumieniem dla esperanta, jakoteż jego praktycznem zastosowaniem wyróżniły się oprócz oczywiście XIX Kongresu Esperantystów w Gdańsku:

MIĘDZYNARODOWY ZJAZD MŁODZIEŻY WE FREUSBURGU. Odbył się on w dniach 30/VII—7/VIII we Freusburgu (Nadrenja, Niemcy) i polecił swym członkom naukę esperanta, jako jedynego środka porozumienia się na kongresach. Z biorących udział w zjeździe wyróżniła się amerykańska delegacja pięknym esperanckim sztandarem. Delegat czeski zaś omawiał sprawę wielkanocnej konferencji wychowania pokojowego w Pradze, która

obradowała wyłącznie po esperancku. Na wystawie zjazdowej był dział esperancki, zawierający różne książki, gazety i inne wydawnictwa esperanckie.

XII MIĘDZYNARODOWY ZJAZD STENOGRAFÓW. W Brukseli (Belgja) miał miejsce od 4 do 7/VIII Międzynarodowy Zjazd Stenografów, w którym brał również udział Międzynarodowy Związek Stenografow-Esperantystów (IAES). Do obrad jednej komisji zostało oprócz języka francuskiego wprowadzone esperanto. I okazało się, iż jeno w tej komisji mogła rozwinąć się istotnie swobodna i ożywiona dyskusja. Również na plenarnem posiedzeniu Zjazdu rozprawiano po esperancku. Przemawiało siedmiu mowców z różnych krajów. Na skutek tych prób oraz referatu p. Flaguel'a: „Stenografja i Esperanto", Zjazd uchwalił rezolucję, zalecającą naukę esperanta i tworzenie kół esperanckich stenografów. Na wystawie zjazdowej IAES zdobył złoty, a esperancki stenosystem „Progresema" srebrny, medal.

ESPERANTO W SZKOŁACH. Bezprzecznie jednym z najważniejszych sposobów ogólnego zwycięstwa esperanta — jest powszechna jego nauka w szkole. Z zadowoleniem możemy podać nowy postęp w tej dziedzinie. A mianowicie dnia 18/VII br. rząd Saarterytorjum (położonego między Francją a Niemcami) wydał następujące pismo do wszystkich dyrektorów szkół średnich i wyższych: „Zgadzamy się, ażeby esperanto było wprowadzone jako nadobowiązkowy przedmiot nauczania w szkołach wyższych i średnich. Gdzie znajdują się odpowiedni nauczyciele, tam wprowadzenie to może nastąpić już w obecnym roku szkolnym. Polecamy zaprowadzić roczne kursa, obejmujące dwie godziny nauki tygodniowo w jakiejś klasie średniej, naprzykład w drugiej klasie niższej („Untersekunda" — odpowiadająca naszej kl. VI gimnazjalnej). Kurs dla nauczycieli jest w przygotowaniu". *Sław.*

## ONI ALSENDIS AL LA REDAKTEJO: — NADESŁANO DO REDAKCJI:

1) *Demokratischer VII Internationaler Friedens-Kongress* von 3-11 September 1927.

2) *Monata Bulteno de Societo Esperanto Bydgoszcz N. 3-4.*

3) *EPA Bulteno de Esperanta Presa Agentejo N. 4.*
Direktoro *St. Essigman*, Warszawa, Marszałkowska 130 Pollando.

4) La Suno Hispana, Aŭgusto N. 123 Direktoro *M. Cappliure.*

5) Sennaciulo 13 Aŭgusto N. 151 — Gvidanto: *E. Lanty, Paris.*

6) Raporto de l' *Aerologia Observatorio* de Tateno apud Tutiura, Nr. 1. (Ibaraki-ken) Japanujo.

7) L' araldo esperantista »*esperantheroldo*« Direktejo: *Arezzo* Italujo, Via Vittorio Venetto.

8) La Fervojisto. *Oficiala organo de Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj.* Monata revuo pri fervojo N. 5-6. Redaktoro *Ilija Puhalo*, Zagreb (Jugoslavio).

9) Gvidlibro tra Pollando. Eldono de la Pollanda Esperanto Delegitaro.

10) Heroldo de Esperanto Nr. 33, 34, 35.

11) *Fr. Dąbrowski.* La kooperativa movado en Polujo. Esperanta resumo.

12) *Ferd. Hirt u. Sohn*, Leipzig. Literatura informilo N. 4.

13) *Edmond Privat.* Historio de la lingvo Esperanto. *F. Hirt u. Sohn.*

14) *A. Delsudo* kaj *Lauro Laiho.* Aŭstralio, lando kaj popolo. *Ferd. Hirt und Sohn.*

15) *Argentina Esperantisto*, Junio—Julio, N-o 13—14. Buenos Aires.
16) *Germana Esperantisto*, Aŭg.—Sept. N-o 378—379. Berlin.
17) *Prawda* (La Vero), N-o 3, Kalisz 149.
18) *La Socialisto*, N-o 9. Wien.
19) *La Movado*, Aŭgusto—Septembro. Direktoro: Emile Houbart, Paris.
20) *Aŭstria Esperantisto*, Redaktoro: Hugo Steiner, Kornenburg b. Wien.
21) *Esperanto Katalogo*, Julio 1927, Rudolf Mosse, Berlin.
22) *Katolikaj Kantoj*, kolektitaj de Leopold Chiba. Wien.
23) *Eugen Wüster*. Zamenhof-radikaro. F. Hirt u. Sohn. Leipzig.
24) *Prof. Dr. Johann Reinke*. Naturscienco Mondkoncepto Religio. Katolika Mondo-Koeln.

## RESPONDOJ DE LA REDAKCIO.

Redakcio respondas skribe nur ricevinte la poŝtmarkon por respondo. Redakcio ne resendas la manuskriptojn. — Manuskriptoj ne maŝine skribitaj estos nur escepte presigataj.

Subskribojn en viaj leteroj skribu tre legeble: la plej taŭga maniero estas fari subskribon per *pres-literoj*.

S-no *Svirtun*, Łuck: artikolo estas bona, sed pro manko de loko bedaŭrinde ni devas prokrasti.

S-ro *Stef. Wojtkiewicz*, Laŭeble presigota. Bonvolu atendi. Jam de longe kuŝas en la redaktejo multaj manuskriptoj, sed bedaŭrinde pro manko de loko, aŭ pro troa amplekso, ili devas atendi. Laŭeble ni ĉerpas el tiu fonto.

Al s-ro Abonanto, kiu esprimas koran dankon al la Gazeto, »ĉar per tiu gazeto mi multe perfektiĝis en nia kara lingvo«, sed ĉesas aboni. Ni ankaŭ estas dankaj por Via bona opinio. Ĉu vi laŭdus iun, kiu jam satiĝinte, ne pli zorgas pri manĝujo, kiu plaĉis nur dum la manĝo?

S-ro *L. Krysta*. Ĵus mi transdonis al la presejo Vian korespondaĵon el la Suno Hispana. Ni estas tre dankaj por Via kritiko de nia Gazeto kaj ni penos kontentigi Vin. Ankaŭ Viaj artikoloj presiĝos. Via alvoko al la fumantoj estas laŭdindega, kiel memekkono. Oni demandas, kial mi fumas? Oni respondas, ĉar mi havas superfluan sanon kaj devas klopodi forigi ĝin, kiel eble plej baldaŭ. Mi havas ankaŭ superfluan monon kaj mi opinias, ke estas plej logike per fumo blovi ĝin aeren. Estas ankaŭ mencinde, ke mi havas superfluan tempon kaj ne scias pli inteligentan tempopasigilon ol produkti fumnubojn. Fine, mi jam komencis fumi kaj ne estas sufice forta, ĉesigi tiun teruran kutimon.

S-ro Michał Demidowicz. Pro manko de loko ni ankoraŭ ne presigis vian interesan priskribon de viaj travivaĵoj.

S-ino E. Kożnek, Dąbrowa Górnicza: Ne korekte skribita.

---

Nia Redaktoro S-ro B. Kuhl pro sia oficiala faka laboro devas foresti de Krakovo kaj ne povas redaktadi la Gazeton. Provizore prenis sur sin tiun ĉi taskon Prof. O. Bujwid, kiu komencante de tiu ĉi numero gvidos la Gazeton. Adreso de la redaktejo kaj administrejo de nun estos: Kraków, Lubicz 34.

# BILANS KASOWY

Komitetu Organizacyjnego Pielgrzymki do Warszawy po XIX Wszechświatowym Kongresie Esperantystów w Gdańsku.

### WPŁYWY.

| | |
|---|---|
| Opłata kongresowa za 342 osoby | 1808,95 zł. |
| Razem . . . . | 1808,95 zł. |
| Deficyt . . . . . | 0,07 zł. |
| | 1809,02 zł. |

### WYDATKI.

| | |
|---|---|
| Księgowy — Sekretarz techniczny | 220,00 zł. |
| Wydatki pocztowe . . . . . . | 128,47 „ |
| Chór . . . . . . . . . . . | 450,00 „ |
| Druki . . . . . . . . . . | 215,35 „ |
| Koncert w „Dolinie Szwajcarskiej“ | 150,00 „ |
| Dekoracja grobu d-ra Zamenhofa . | 175,00 „ |
| 2 wieńce *) . . . . . . . . . | 145,00 „ |
| Opłata dodatkowa za 259 obiadów**) | 129,50 „ |
| Tramwaje dla uczestników Kongresu | 80,00 „ |
| Za włożenie do „Heroldo“ deklaracji | 26,20 „ |
| Strata na kursie . . . . . . | 25,90 „ |
| Książki kasowe, papier itp. . . . | 19,75 „ |
| Plakat Pielgrzymki . . . . . | 15,00 „ |
| Wydatki różne . . . . . . | 27,85 „ |
| Razem . . . . | 1809,02 zł. |

*Stanisław Essigman.*

Za zgodność: książkowy i sekretarz techniczny (—) *I. Dratwer.*

*) Wieńce zostały złożone w imieniu XIX Wszechświatowego Kongresu Esper. **) Na polepszenie wspólnego obiadu.

# ADMINISTRACIAJ SCIIGOJ.

## I. GARANTIA FONDO DE »POLA ESPERANTISTO«.

Por Garantia Fondo de P. E. pagis jam:

P-o D-o Bujwid por VIII. — 30 zł., por IX. — 30 zł.; D-o Dziedzic — 10 zł.; Sro Emiljan Loth (Pabjanice) — 100 zł.; S-ino Neuberg por VI. — 10 zł., por VII. — 10 zł.; D-o Robin por VII. — 20 zł.; D-o Rosenstock por VII. — 10 zł. por VIII. — 10 zł.; F-ino Wieler — 5 zł.

## II. GARANTIA ĈENO DE »POLA ESPERANTISTO«.

1 Fraŭlinoj M. A. Szenfeld pagas 6 zł.

2. D-o Fels kun edzino pagante 10 zł. alvokas s-inojn: Baum, Dąbrowska kaj Hescheles (ĉiuj el Lwów).

3. S-o Aron Fisz pagas 2 zł. kaj alvokas el Sosnowiec fraŭlinojn: D-o Pachter, Kożuch, Majerkiewicz, Gutman kaj ambaŭ Klajman.

4. S-o Stanisław Głuchowski pagas 4 zł.

5. S-o Jan Datko pagas 2 zł.

6. S-o Jan Fajłek pagas 5 zł.

**!! VIVU SEKVONTOJ !!**

## III. NIAJ REPREZENTANTOJ EN BIAŁYSTOK, KATOWICE, PARIS KAJ WARSZAWA.

Ni atentigas niajn s. gelegantojn, ke ni donis reprezentadon de nia revuo: en Białystok al „Esperanta Societo Zamenhofa“, str. Zamenhofa 12a; en Katowice al „Societo de Esperanto Amikoj“, en Paris al s-o Salo Grenkamp, rue de Vaugirard 4; en Warszawa al „Pola Studenta Esperantista Societo“ Leszno 99 m. 5. Bonvolu do aboni, pagi anoncojn, mendi librojn kaj gazetojn ktp. pere de niaj reprezentantoj.

Redaktor odpowiedzialny: Juliusz Kriss.

Drukarnia Muzeum Przemysł. pod kierownictwem St. Baranowskiego w Krakowie, Smoleńska 9